n-ro 2/92

# INTERNACIA ĴURNALISTO

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)





**Renkontiĝo en „Mezeŭrio"**
Scenoj el la tritaga seminario pri informado en Esperanto-Centro Poprad, Slovakio: Stefan MacGill prezentas al laborgrupo la taskon, ellabori planon por informado pri kongreso okazonta en (fantazia) lando *Mezeŭrio*; konforme al la ĉeesto de seminarianoj el orienta kaj okcidenta Eŭropo, temis pri kongreso, kiu kunigu la du ĝis antaŭ mallonge disigitajn partojn de l' kontinento (supra foto). - Kelkaj el la preskaŭ 50 partoprenantoj, inter ili Ivo Durwael, UEA-estrarano respondeca pri informado (maldekstre). Eĉ albano Peraj Bahri (meze, kun mantelo) sukcesis veni. Raporton pri la seminario vi trovas sur p. 7-8.

## ENHAVO

**De enketo al laborplano**
Proponoj de l' membroj

**Problemo ne nova sed ĉiam aktuala**
Etiko en ĵurnalismo

**Interŝanĝo de spertoj orientaj kaj okcidentaj**
Seminario pri informado

**Merkato difinas servojn**
Ŝanĝoj ĉe Svisa Radio

**Kialoj de la efemera pululado de periodaĵoj**
Esploro pri E-revuoj

**Unesko revizias sian inform-ordon**

**Eŭropa plurlingva tv-inform-kanalo**

**Kiam acidiĝas bonaj novaĵoj**

Kaj la kutimaj rubrikoj

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de
TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)
Aperas 4foje dum jaro.
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-8900 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
*Verantwoordelijke uitgever:*
Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen



# OFICIALAJ INFORMOJ

## de la TEĴA-estraro

**Membrokunveno 1992**
Ĝi okazos dum la 77a Universala Kongreso de UEA en Vieno, Aŭstrio (25a de julio ĝis la de aŭgusto 1992). Eble ni povos komuniki la precizajn daton kaj horon jam en la venonta numero de nia organo.

**Kotizo**
Pro pluraj demandoj, ni ankoraŭfoje atentigas, ke TEĴA ne jam havas oficiale fiksitan novan membrokotizon. Ni tamen konscias, ke la ĝis nun (ekz. en la Jarlibro de UEA) indikita kotizo de 2 usonaj dolaroj estonte ne sufiĉos. Tial do ni petas ĉiujn, kiuj kapablas, pagi laŭ siaj ebloj pli altan sumon kaj eventuale aldoni donacon (vidu sube).
Definitivan membrokotizon ni fiksos certe dum la kunveno en Vieno 1992.

**Proponoj al la membrokunveno**
Atentu, ke kaj laŭ la malnova kaj laŭ la nova statuto por proponoj pri modifoj de la statuto validas limdatoj.
Por aliaj proponoj al la membrokunveno ne necesas limdato; tamen estas konsilinde, sendi ilin sufiĉe frue al la estraro, tiel ke eventuale ni povas aperigi ĝin antaŭ la kunveno en IĴ. Tiel la membroj jam konas ties enhavon, kio faciligas la proceduron.

# ANONCETOJ

**Prezo: por 1 linio 0,30 germanaj markoj - Por membroj de TEĴA unu anonceto (ĝis 10 linioj) jare estas senpaga.**
**Pri prezoj de aliaj anoncoj kaj reklamoj petu prezoliston de l' redakcio.**

**VENU AL POPRAD!**
Invitas al ĉiuspecaj aranĝoj la Esperanto-Centro en Poprad, ĉe la piedoj de l' montaro Altaj Tatroj, Slovakio. Se vi volas organizi kunvenon, turisman programon, seminarion, konferencon - Poprad rekomendas sin per moderaj prezoj kaj bona situo: facile atingebla fervoje (rekta linio inter Prago kaj Moskvo), aŭtombilo (plej bone el Vieno) kaj aviadile. Petu informojn ĉe: Esperanto-Centro, Sobotské námestie 6, CS-05801 Poprad. Tel. (092) 32419, 23539.

VARBU NOVAJN MEMBROJN de TEĴA!

**Petu aliĝilojn de la kasisto aŭ de Flandra E-Ligo**

# MEMBROKOTIZO

## de TEĴA por 1 jaro:

***momente nekonata***
*(La estraro ankoraŭ ne povis proponi al la membrokunveno novan kotizon. Tial ni petas tiujn, kiuj povas, ĝiri provizore sumon laŭ propra takso; ni konsilas, pagi minimume 10 germanajn markojn aŭ egalvaloron.)*
Por ĝiri membrokotizojn aŭ donacojn al TEĴA bonvolu atenti la apudajn indikojn pri pagmanieroj al FEL, kiu enkasigas la kotizojn de TEĴA-membroj.

**KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉekoficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Petu al via poŝtoficejo fari internacian poŝtmandaton je nomo de Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi al ni tian ĉekon. La valuto devas esti la belga franko (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi via bankkartnumero. Se unu el la du lastaj postuloj ne estas plenumita, la banko subtrahos 225 BEF pro la bankkostoj;
- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon kaj menciu la sumon en belgaj frankoj. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo ĉe UEA estas fela-x;
- Se vi havas kurantan konton ĉe FEL, en kiu estas bonhavo, faru nenion. Ni simple subtrahos la necesan sumon de via bonhavo;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la usona dolaro (USD). Pri la kurzo de la dolaro unue informiĝu ĉe via banko;
- Se vi posedas kreditkarton *Eurocard, Access, Visa, Fujicard* aŭ *Mastercard*, eblas pagi citante la numeron kaj la validodaton de la karto. Se vi mencias tiujn okaze de la mendo, ne aldoniĝos kostoj. Se vi sciigas ilin nur post ricevo de la fakturo, aldoniĝos 5% pro administraj kostoj;
- Se vi ne povas pagi laŭ unu el la sep supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi pli:
  - Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron por la bankkostoj;
  - Sendu al ni internaciajn respondkupojn maldekstre stampitajn. Unu respondkupono egalas al 25 BEF.

Por limigi la bankkostojn, vi povas pagi pli altan sumon. La tro pagita mono eniros konton vian, pri kiu vi povas disponi por estontaj mendoj.
Pagante bv. nur mencii vian FEL-kodon kaj la fakturnumeron (troveblan sur la fakturoj). Bv. ne ripeti la mendon.

# De enketo al laborplano

**Kion atendas kaj proponas membroj de TEĴA**

**En la antaŭa numero de IĴ mi plendis pri malvasta eĥo al nia enketo. Tiu plendo ne alportis multajn pliajn respondojn, tiel ke ĝis redaktofino de ĉi tiu numero ni havas nur 32 plenigitajn enketilojn. Tamen, la rezulto estas tre klara.**

Mi ne povas imagi, ke pliaj respondoj funde ŝanĝus la rezulton, kiun vi trovas en la suba tabelo.
Ni dividis la enketon en du partojn: en la unua temis pri nia organo, en la dua pri ĝenerala agado de TEĴA. En la tabelo ni listigas la respondojn laŭ la rango, kiun ili atingis laŭ procentaĵo.

**Ni bone trafis**

Ĝenerale oni rimarkas, ke preskaŭ ĉiuj punktoj ricevis grandan aprobon, nur kelkaj restis sub 50 %. Do ŝajnas, ke ni bone trafis per la enketo la dezirojn de la membroj.
Eble iom mirigas, ke ne ĉiuj metis kruceton ĉe punkto 1, kvazaŭ iom pli ol 15 % opinius superflua la aperon de nia revuo. Nu, tio ja iomete trompas, ĉar ankaŭ tiuj, kiuj ne notis kruceton ĉe tiu punkto, jes metis tiajn krucetojn ĉe temoj, kiujn traktu la revuo.
La preferoj rilate la temojn en IĴ estas evidentaj: helpo al la laboro de esperantistoj-ĵurnalistoj. Malmulte da intereso oni havas nur pri sociaj kaj socialaj problemoj de ĵurnalistoj, kaj nur kvarono volas legi ion pri konfliktoj inter eldonistoj kaj ĵurnalistoj.

**Raportu pri via laboro!**

Interese estas ankaŭ, ke tre multaj ŝatus legi raportojn de aliaj membroj pri spertoj en siaj laboroj. Jen do klara alvoko al ĉiu el ni: verku tian raporton, en kiu vi priskribu vian profesian situacion, kion vi kiel faras, kiujn problemojn vi havas ktp.
Rilate al portretoj de E-gazetoj: se vi estas preta, prezenti vian gazeton, bonvolu komuniki tion al la redaktoro. Ni pretigis malgrandan demandaron por tiu celo, por ke la diversaj portretoj pli facile ebligos komparadon.

**Kiel TEĴA aktivu**

En tiu parto de la enketo frapetas, ke por tiom multaj gravas kontaktoj al neesperantistaj ĵurnalistaj asocioj. Do certe ni nepre devos klopodi en tiu direkto. Malpli mirige estas, ke membrokunveno por iuj malpli gravas ol seminarioj kaj laborkunvenoj por praktika trejnado. TEĴA sola - ĉiuokaze en la nuna stadio - ne kapablas organizi kaj realigi tiajn seminariojn; sed certe tio eblos en kunlaboro kun diversaj partneroj.

**Jesaj respondoj al la enketo de IĴ 1/91** (en procentoj)

| | | |
|---|---|---|
| 1. | TEĴA aperigu regule sian organon kun varia enhavo | 84,4 |
| | preferataj temoj en IĴ: | |
| 2. | problemoj de lingvo kaj terminoj en ĵurnalismo | 75,0 |
| 3 | kiel laŭeble bone verki/redakti en E-gazetoj | 71,8 |
| 4. | kiel utiligi modernan teknikon (aparte komputilojn) | 65,6 |
| 5. | kiel teknike aranĝi redaktadon/eldonadon | 62,5 |
| 6. | raportoj de membroj pri spertoj en siaj laboroj | 62,5 |
| 7. | „portretoj" de E-gazetoj | 62,5 |
| 8. | analizaj kaj fundaj artikoloj pri la ĵurnalisma profesio | 59,4 |
| 9. | problemoj de profesiaj ĵurnalistoj, ekz. etikaj demandoj | 50,0 |
| 10. | sociaj kaj socialaj problemoj de ĵurnalistoj | 46,8 |
| 11. | konfliktoj inter eldonistoj kaj ĵurnalistoj | 25,0 |
| | TEĴA krome aktivu precipe jene: | |
| 1. | per kontaktoj al neesperantistaj ĵurnalistaj asocioj | 71,8 |
| 2. | per seminarioj, laborkunvenoj, praktika trejnado k. s. | 59,4 |
| 3. | per ĉiujara membrokunveno, prefere dum UK | 56,2 |
| 4. | per helpo por plifaciligi la ĵurnalistan agadon | 40,6 |

**Pliaj sugestoj kaj proponoj**

Jen kelkaj apartaj proponoj kaj deziroj, kiujn respondintoj notis sur la enketilo:
Ada SIKORSKA-FIGHIERA, redaktorino de *Heroldo de E.*: Laŭ mi estas grave, ke TEĴA dum la UK okupiĝu/helpu la kongresan gazetaran servon: antaŭ ol foriri kontakti nacian gazetaron, por poste traduki kaj sendi telefakse prikongresajn informojn en la komunikoj de la gazetara servo.
Marian Constantin GHILEA: Doni jaran premion por la plej bona artikolo (agado) de la periodaĵo, por kiu la ĵurnalisto verkas.
ZENG Qian-yi: TEĴA aktivu neŭtrale, profesie, demokratie, en la interesoj de ĵurnalistoj-esperantistoj tutmondaj, aparte evolulandaj, cele al fondo de E-a inform-agentejo.
Bernard GOLDEN: Aldonaj temoj: 1. Recenzado: normoj por verki recenzojn, rilatoj inter eldonistoj de verkoj, redakcioj kaj recenzantoj. 2. Cenzurado kaj tabuado ĉe redakcioj.
Andreo MARSZALKOWSKI: Kunlaboro kaj perfektiĝado de ĵurnalistoj, kunordigado de kampanjoj por enkonduki E-on en diversajn fakojn de la nuntempa vivo. Kunordigado de la komputilaj sistemoj de unuopaj E-ĵurnalistoj por plifaciligi kunlaboradon; eldonado de la adresaro de E-ĵurnalistoj kaj verkistoj.
Les KERR: Informoj, teknikoj kaj rekomendoj por foto-ĵurnalistoj.
Stano MARĈEK: La plej grava estas laŭ mi la gazeto - ligilo de la membroj kaj la estraro, kiu alportos al la membroj regulan kaj varian „animnutraĵon" (kaj instruan kaj distran). Plie TEĴA povus helpi al la - ofte amatoraj - redaktoroj de E-gazetoj per konsiloj, teknikaj, artaj, fakaj, eble eĉ materie (se trovos fondusojn). Tre grava iniciato estus Esperanta informagentejo. Utile estus eldonadi ĵurnalisman jarlibron kun ĉiuj utilaj kaj aktualaj informoj (adresoj de la redakcioj de E-gazetoj, faks-numeroj, nomoj de redaktoroj, komputilaj retoj, datumbankoj ktp.). ➤

Davor GRGAT: TEĴA anigu kiel eble la plej multajn ĵurnalistojn, ne nur tiujn, kiuj profesie laboras kiel Esperanto-ĵurnalistoj, sed ĝenerale tiujn ĵurnalistojn, kiuj skribas kaj propagandas Esperanton kaj kiuj simpatias al Esperanto. - La celo estas kunlabori kaj kunordigi laboron kaj interŝanĝi spertojn, artikolojn, kaj inter si starigi telefaksan reton por pli urĝa aperigo de tiel senditaj artikoloj.

Garbhan MAC AOIDH: TEĴA aktivu kiel organizaĵo por disvastigi la uzadon de Esperanto, kiel ĵurnalista interkomunikilo tutmonde, kreante universalan gazetaran kaj informan reton favore al la vero. Temoj en IĴ: paco, libero, ekologio, maljusteco, la Tria Mondo, la nova Eŭropo, lingvaj problemoj.

Olav THORMODSEN: Per aperigo de la TEĴA-organo konsiloj pri racia agado, proponoj pri labortaskoj, kiel plej bone utiligi Esperanton sur la ĵurnalisma kampo ĝenerale.

Will GREEN: TEĴA turnu sian atenton for de la E-movado, kaj kune laboru en la ekstera mondo por Esperanto!

Mohammad KARAMUDINI: Kiel vera internacia asocio ĝi aktiviĝu ne nur en E-movado, sed ĉefe ekster ĝi.

Krestju KARUCIN: Ĉu ne ankaŭ konvenus portretoj de elstaraj esperantistaj ĵurnalistoj nuntempaj kaj de la pasinto? El la sperto de la esperantistaj ĵurnalistoj oni plej akcentu pri la enpenetro de pri- kaj peresperantaj eroj en neesperanta gazetaro, en radio kaj televido. Oni pli ofte informu pri la membrostato de TEĴA. Utilaj estos bibliografiaj kaj recenzaj notoj pri ĵurnalismaj eldonaĵoj.

Evgeni GEORGIEV: Ĝi estu organizaĵo de esperantistoj-ĵurnalistoj kaj de neprofesiaj kunlaborantoj de E-gazetaro, kiu plivastigu kaj akcelu la E-informan laboron mondskale kaj agadu por plua faka perfektiĝo de siaj anoj. Krom kunveno enkadre de UK estus bone okazigi en la jaro almenaŭ unu seminarion de TEĴA je faka temo, kiu inkluzivu praktikan trejnadon.

Vadim V. BISEROV: Lokaj organizaĵoj de TEĴA, informservo por E-ĵurnaloj, sed ne nur por ili. Organizi unuecan servon por cirkuligo de E-eldonaĵoj, profesiajn kunvenojn de E-ĵurnalistoj en diversaj landoj.

Alex HUMET: Diskonigi Esperanton en ĵurnalismaj medioj; informi, oferti skriban kurson, oferti partoprenon en UK kaj kunlaboron en MONATO.

**Laborplano**

Do tuta fasko da kromaj ideoj kaj proponoj. Ne ĉiuj estas realigeblaj, almenaŭ ne tuj. Krome kaj en IĴ 1/92 kaj en ĉi tiu numero en leteroj troviĝas pliaj sugestoj. Ĉio ĉi povos iamaniere eniri la laborplanon, kiun nun kompilas Paŭlo GUBBINS; eble ni povos akcepti ĝin jam dum la membrokunveno en Vieno.

Stefan MAUL

## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
FR Germanio

---

## MULTAJ TASKOJ

**Nikolaj Stepanov, Ruslando, skribas detale pri tio, kion faru TEĴA:**

1. Laŭeble pli vaste diskonigi informojn pri TEĴA kaj IĴ en nacia gazetaro de diversaj landoj. 2. Aperigi propagandajn afiŝojn kaj faldfoliojn, kalendaretojn (kun propaganda teksto), insignojn kun emblemo de TEĴA ktp. 3. Diversmaniere plialtigi profesian nivelon de siaj membroj: analizo de praktiko (kiel fari / ne fari: intervjuon, eseon, priskribon, skizon ktp.). Publikigu informojn pri ĉefaj rubrikoj kaj pri ties enhavo, pri ĉefaj direktoj de laboro kaj pri ĉefaj temoj kaj problemoj de ĵurnalista laboro, ekzemple:

Reprezalioj kontraŭ ĵurnalistoj kaj gazetoj; problemoj de cenzurado, limigoj (manko de papero, malhelpoj kun tipografiaj servoj, konfiskado ktp.).

Trouzo de ĵurnalista profesio por specialaj servoj, kunlaborado kun sekreta polico, partopreno en kampanjo de misinformado kaj aliaj etikaj problemoj.

Deformado kaj misformado de informoj pro deziro de sensacio k. s.

Unuflanka, tendenca, partieca kaj malobjektiva informado (naciismo, militincitoj, agresivaj alvokoj ktp.).

Informoj kaj recenzoj pri (mal)novaj libroj diverslingvaj.

Novaĵoj pri landaj kaj internaciaj konferencoj kaj kongresoj pri ĵurnalismaj problemoj.

Pri ĵurnalista majstreco kaj sekretoj de ĵurnalista laboro (scio kiel fari). Psikologiaj aspektoj de ĵurnalista laboro.

Kritikaj analizoj de E-eldonaĵoj (de profesia vidpunkto).

Ekonomiaj aspektoj de laboro de eldonejoj, libroservoj kaj revuoj (teorio kaj praktiko); formoj kaj metodoj de rekompenco de elspezoj, salajro, pago de ĵurnalista laboro.

Metodoj de laboro en diversaj landoj.

Nova tekniko: satelitaj telefonoj, telefaksoj, komputiloj ktp.

Specifi uzadon, avantaĝojn, problemojn, disvastiĝon ktp.

Historio: E-ĵurnalistoj kaj ties sorto (ekzemple en Sovetunio).

Cetere multajn ĉi tie (ankaŭ min) allogas ebleco havi membrokarton de TEĴA; ja en nia superburokratara sistemo gravas ĉiu paperaĉeto, des pli se sur ĝi estas skribita io ne ruse. Krome tio estos utila ankaŭ por propaganda celo, kiel preteksto por priparoli la temon ktp.

## LABORO SERĈATA

**Wayne B. Illes, nun en Usono, volas veni al Eŭropo kaj petas helpon en serĉado de laboro. Jen lia klarigo:**

Nuntempe mi laboras por internacia import/eksporta kompanio. Mi finis miajn ĵurnalismajn studojn en 1984. Mi jam verkis artikolojn por gazetoj kaj ĵurnaloj usonaj, kanadaj, hungaraj kaj esperantaj. Mi ankaŭ laboris por radio-stacio kiel Direktoro de Publikaj Rilatoj kaj Varbad-vendado.

Mi estas hungardevena kaj naskiĝis en Kanado. Ekde miaj universitataj studoj mi loĝas en Usono, precipe en Utaho, Kalifornio kaj ĉi tie en Florido. Ne estas multaj laboreblecoj por ĵurnalistoj ĉi tie, sed la vetero estas ege agrabla, kaj oni povas fari „freelance"-laborojn. ►

Mi ŝatus translokiĝi al Eŭropo por serĉi laboron. Mi scias ke la labora situacio eŭropa malfacilas, same kiel en Usono, sed mi ŝatus loĝi tie. Mi flue parolas sep lingvojn, do ne gravas kie mi loĝus. Eble se vi aŭdas pri laborebleco, vi min povus informi pri tio. Se vi volas, mi povas sendi biografion mian al vi por transdonado al interesuloj. Mi havas telefaksmaŝinon en oficejo kaj oni do povas kontakti min ankaŭ tiel. Mi antaŭdankas vin!
Mia adreso: Wyne B. Illes, 4411 Bee Ridge Road, Suite 366, Sarasota, Florida 34233, Usono. Telefono (813) 378-0992; telefakso (813) 379-9791.

## EMBARASITA

**Adolf Stanura el Ĉeĥoslovakio skribas pri problemoj, oftaj nun en eksaj socialismaj landoj:**

Mi ricevis Internacian Ĵurnaliston kaj dankas vin sincere. La enhavo de la gazeto estas tre bonnivela. Koncerne mian membrecon en TEĴA, mi estas forte embarasita. Mi posedas legitimilon el la jaro 1962, n-ro 252, sed mi ne povis pagi kotizon, tial mi ne ricevadis la gazeton.
La nuna situacio ne estas pli bona tiurilate. Ankoraŭ ĉiam mi ne povas pagi, kaj se la cirkonstancoj koncerne pageblecon favoriĝus (kiel longe tio daŭros?), eblos okazi ke mi ne posedos monon. Mi estas maljuna kaj malnova pensiulo (nask. 1915). Mi ŝatus legadi IĴ-on, sed sub la nunaj kondiĉoj mi petas, ke vi ne sendadu al mi la gazeton.
Sukceson al via laboro, dankon pro via afabla propono.

## TAMEN UTILA

**Pri la samaj problemoj skribas Vadim Biserov, Ruslando:**

Mi volus danki vin pri ebleco konsideri min membro de tiel fama ĵurnalista organizo. Mi scias, ke nun TEĴA havas problemojn, sed ĉi tio ne malplialtigas ĝian aŭtoritaton, laŭ mia opinio. Eĉ, pli multe, mi kiel civitano de lando, kiu dumvivis kun ne pli bonaj tempoj ol TEĴA, intense sentas neceson pri progreso en laborado. Bedaŭrinde, mi ne povas pagi mian kotizon en valuto, sed mi volus, ne rigarde al tio esti utila por TEĴA. Kompreneble, se en mondo estas maniero kiel leĝe laborenspezi necesan monon por kotizpago, mi tre ĝojus preni konsilon pri ĝi de iu, kaj estos trankvila pri sorto de miaj financaj devoj antaŭ TEĴA.
Ĉar la problemo pri kotizpagado estas sama por ĉiaj ĵurnalistoj-esperantistoj en Rusio, mi opinias inde priparoli eblecon de kreado en Rusio de loka organizo de TEĴA kun kotizpagado per rubloj. Rusio estas tre riĉa je ideoj, homoj kaj eblecoj lando, ke ĉi tiu ideo estu realigebla. Kaj mi povus proponi miajn servojn por plenumadi ĝin. Mi havas por tio deziron, eblecon kaj rondeton da samideanoj.
(Por ke aliaj gekolegoj en Ruslando povu kontakti lin, jen lia adreso:
614105 Permo 105, Novaj Ljadi Ostrovskij str. 81-33; telefono (3422) 33-85-47.

## KIU ESTAS ĴURNALISTO?

**Fernand Boyet, Francio, nur post hezitoj aliĝis al TEĴA. Kial li hezitis, tion li klarigas tiel:**

1. Mi neniam estis profesie „ĵurnalisto".
2. En la franca lingvo, mi okaze verkis artikolojn en sindikataj revuoj, aŭ profesiaj revuoj, pri edukaj problemoj. (Kompreneble, oni neniam pagis min.)
3. En franca lingvo, mi okaze skribis al ĵurnaloj por polemiki kontraŭ tiu aŭ alia artikolo, kie, laŭ mia opinio, estis eraroj rilate al eventoj cititaj. Oni publikigis (pli aŭ malpli honeste) miajn leterojn ... sed mi ne ricevis pagon.
4. En franca lingvo, mi partoprenis en verkado de lernolibro pri fiziko... kaj tiam mi ricevis pagon... sed ne estis ĵurnalismo.
5. En la lingvo Esperanto, mi plurfoje sendis artikolojn al pedagogiaj revuoj. Mi ne ricevis pagon... kelkfoje insultojn!
6. En la lingvo Esperanto, mi foje skribis al „Esperanto" (de UEA) pri grava eraro pri gramatiko. La redaktoro skribis, ke post enketo apud fakuloj, li agnoskas, ke mi pravas... sed nenio aperis en la revuo.
7. En la lingvo Esperanto aperis plurfoje en „Kulturaj Kajeroj" tekstoj, kiujn mi verkis por prezenti prelegojn pri diversaj temoj. Mi legis aprobon pri la valoro de la artikoloj en „Heroldo", sed neniam estis pagita.

**Konkludoj:**
1. Ĉu mi estas „ĵurnalisto"? Por *Monato* mi estis dungita de Stefan Maul, al kiu mi skribis por protesti kontraŭ la multaj lingvaj eraroj... (en 1981), kaj kiu respondis: „Se vi deziras, ke la artikoloj estu pli bonaj, verku mem." Kaj tion mi faris... kaj unuafoje en mia vivo, mi ricevis honorariojn.
2. Ĉu mi rajtas aliĝi al asocio de profesiaj ĵurnalistoj?
En *Manlibro pri Ĵurnalismo* oni povas ekscii, ke se ĉiu ĵurnalisto verkas, ne ĉiu verkisto estas ĵurnalisto. Ofte ĵurnalisto raportas pri faktoj post speciala surloka enketo. Mi tion neniam faris kaj cetere tion mi ne scias fari. Mi tute ne konas la sociajn problemojn de profesiaj ĵurnalistoj, pri la salajroj, la socialaj asekuroj ktp.
Mi pretas pagi kotizon al TEĴA, sed mi tute ne scias kion peti pri la enhavo de tiu bulteno.

## MANKAS KREDO

**R. Hauger, Svislando, skribas:**

Mi partoprenis la tristan kunvenon de TEĴA en Bergen; mi do aŭdas la mesaĝon, sed al mi mankas la kredo!

## SIMPLISTA

**YAMASAKI Seikô, Japanio, skribas pri *Reader's Digest*:**

NikSt parolas pri la *Reader's Digest* kiel la plej populara en la tuta mondo (IĴ 1/92, p. 8). Tuj post la fino de la dua mondmilito, la *RD* estis prezentita al la leganta publiko japana kaj faris furoron: oni faradis liniojn antaŭ librovendejoj por aĉeti ekzempleron. La postmilita Japanio, kie regis malabundo de ĉiuj materialoj, estis ĝuste kiel la tiel nomataj socialismaj landoj. Tiu febro tamen rapide malflusis en

du-tri jaroj; la japanojn tedis la simplista laŭdo de la „amerika maniero de vivo" kaj de la politiko de la malvarma milito de la marko Dulles.
Profesoro OOUTI Hyôe de la universitato de Tokio komentariis siatempe, ke la japana intelekto rejetis la *RD*. Estis la tempo, kiam generalo MacArthur, plej supera komandanto de la okupada armeo, diris ke la psikologia aĝo de la japanoj estas 12jara, kio estas certere iom pli milda ol la difino de la japanoj fare de sinjorino Edith Cresson kiel flavaj nanoj, aŭ formikoj.
Nun oni ne trovas ekzemplerojn de la *RD* ĉe librovendistoj en Japanio. La usona intelekto apartenas al la plej supera en la mondo (oni nur pensu pri la nombro de Nobel-premiitoj), simple ĝi ne speguliĝas en la *RD*. Mi supozas ke la lando, kiu naskis Dostojevskij kaj Ĉeĥov, baldaŭ forgesos furoron pri la *RD*.

## MIRAKLO

**Harry Harrison, Honora Patrono de UEA, el Britio, skribas:**

Mi dankas vin pro Internacia Ĵurnalisto. Sed estas miraklo ke mi ricevis ĝin. Mi ne loĝas je tiu adreso en Danlando dum la pasintaj 30 jaroj!

## HELPILOJ MANKAS

**Canko Murgin, Bulgario, skribas i. a.:**

Kun granda intereso mi legis pri via iniciato kompili Manlibron pri Politiko. Certe tiu verko estas necesa; oni povus ĝin periode reeldoni ĉiam relaborante kaj kompletigante ĝin. Mi timas aliĝi al kunlaboro por MpP, ĉar mi ne estas profesia ĵurnalisto, sed sciencisto pri geografio, historio franca filologio. Mia ĉefa okupo de pensiulo nun estas verki pri Esperantologio kaj pri biografio de d-ro L. L. Zamenhof. Krom tio mi ne havas elementajn helpilojn, ekz. PIV, Esperanto en Perspektivo, Bibliografion de P. Stojan k. a.

**ETIKO EN ĴURNALISMO**

# Problemo ne nova sed ĉiam aktuala

*Hasteco kaj supraĵeco estas la psikaj malsanoj de la 20a jarcento kaj la plej forte ili manifestiĝas en la gazetaro.*
Aleksandr Solĵenicin
(abiturientiĝa tago en Harvard-Universitato, 1978)

**Jam delonge mi volis tralegi la libron de Tom Goldstein, The News at Any Cost: How Journalists Compromise Their Ethics to Shape the News (N. Y., Simon an Schuster, 1985, 301 p.), sed ĉiam mankis tempo. Ankaŭ nun mi nur trafoliumis ĝin, por atentigi nian gekolegaron pri etikaj problemoj de la ĵurnalista profesio.**

Kiel klare montras jam la titolo, ĵurnalistoj ne malofte pekas, „adaptante" informojn, por ke nur pli rapide, rapidege aperu novaĵoj, kaj la aŭtoro (profesia ĵurnalisto, raportisto de Associated Press, The Wall Street Journal, The New York Times ktp., nun instruas ĵurnalistikon en kalifornia universitato Berkeley) tre argumentite kaj multflanke pruvas tion. Li donas al ni detalan postkulisan raporton pri tio, *kiel* ĵurnalistoj „adaptas", „akomodas" novaĵojn, kaj per multaj ekzemploj montras al ni, kiom pravaj povas esti niaj suspektoj pri fideleco de l' novaĵoj.
Kvankam li ĉerpas la ekzemplojn el praktika agado de okcidentaj (precipe usonaj) gazetaro kaj amas-komunikiloj, la samaj riproĉoj tute juste trafas ankaŭ ĵurnalistajn praktikojn en t. n. eks-socialismaj landoj, kaj se ni atente trarigardos nian Esperanto-gazetaron, ĉu ni povus garantii, ke niaj verkoj estas tute senriproĉaj?
Jen, dum senĉesa kaj hasta serĉado de novaĵoj, faktoj, sensacioj kaj priskribante ilin, ĵurnalistoj fojfoje neglektas bazajn homrajtojn kaj sufiĉe ofte dum kolekto kaj interpretado de faktoj kaj informoj ignoradas multajn moralajn aspektojn. Mi dubas, ke nome esperantistoj-ĵurnalistoj uzas la maldecajn kaj malhonestajn metodojn, kiel ekzemple falsadon de novaĵoj, aliigon de sia personeco, embuskajn intervjuojn kaj sekretajn surbendigojn, metodojn tre vaste disvastigitajn, kvankam (almenaŭ buŝe) malaprobitajn en (okcidenta) gazetaro.

### Ĉu malofte?

Tamen, ĉu malofte oni raportas ankaŭ en E-gazetaro pri novaĵoj, donante al ili nur unuflankan kaj treege subjektivan prilumon kaj pritakson, ĉu malofte oni superŝutas la paĝojn per skandaloj, klaĉoj, onidiroj, maltoleremo, preskaŭ denuncoj, nur por ŝajnigi sin „originala", „freŝa", „kuraĝa" liberpensulo? (En rusa lingvo ekzistas proverbo: „Li ne ŝparos eĉ propran patron, nur por montri, kiom sprita li estas.") Ĉu malofte ni legas artikolojn, kritikon, recenzojn, en kiuj oni penas laŭeble plej akre, plej dolorige piedbati, vundi la oponantojn? Kaj kiel kutime, oni tute forgesas ne nur pri la neŭtraleco, pri la zamenhofa interna ideo, sed pri elementaj toleremo, honesteco, dececo, ĝentileco finfine. Kaj bedaŭrinde la ekzemploj estas vere multnombraj (kiujn mi ĉi tie ne citos). Tio atestas, ke ankaŭ en nia *verda mondo* ne ĉio estas bonorda. Multaj el ni ankoraŭ devas lerni la homar-valoraĵojn. Feliĉe, ke ankaŭ pozitivaj ekzemploj ne mankas. Nur legu artikolojn de niaj estimataj gesamideanoj *John C. Wells* aŭ *Marjorie Boulton*, kaj vi komprenas, pri tio temas.

### Duobla normo

Revenante al la libro, oni povas kun la aŭtoro malaprobi la tre disvastigitajn ĵurnalistajn „pekojn" plagiato, falsado kaj malhonesta, unuflanka raportado pri gravaj faktoj, eventoj, kaj samtempe pri tio, kiom malvolonte oni donas lokon aŭ vorton por respondi, korekti, kompletigi antaŭan raporton. Kaj ekzistas duobla normo: se tion diras *mi*, tio estas vera, justa, ĝusta – ja mi estas demo-

krato, honestulo, vera esperantisto ktp. Se tion diras *oponanto* de mi aŭ de mia amiko, tio estas nepre malvero, mensogo, fuŝaĵo, bagatelo kaj tiu estas tutcerte konservativulo, friponо, mensogulo, agento, naivulo...
Memreklamado, maltoleremo, orgojlo, envio, klaĉoj, intrigoj, kalumnio, grupiĝoj, strebo nepre venki, subpremi, vundi, humiligi, naciismaj troigoj kaj antaŭjuĝoj kune kun - kiel kutime - malaltaj klerig- kaj kultur-niveloj - jen estas riĉa spektro da tipaj *pekoj* de nia *verda* kolegaro. Certe tio ne ornamas nin, ne nur en niaj propraj okuloj, sed ankaŭ en la okuloj de *ekstera* (ne-esperantista) publiko. Ne vane oni diradas: „Kiom bona estus E-movado, se en ĝi ne ekzistus esperantistoj."

Ni konstante memoru pri tio kaj senĉese batalu por liberigi nin de l' malvirtoj. Kaj la libro de *Tom Goldstein* helpu al ni je tio.
NikSt

**SEMINARIO PRI INFORMADO**

# Interŝanĝo de spertoj orientaj kaj okcidentaj

**Por la unua fojo Informa Fako de UEA organizis seminarion pri informado, kiu kunigis geaktivulojn el okcidenta kaj orienta Eŭropo en Esperanto-Centro Poprad, Slovakio, dum sabato ĝis lundo 29a de februaro - 2a de marto 1992.**

La favora situo de Poprad ebligis partoprenon de gekolegoj el ĉiuj eksaj socialismaj landoj escepte de Bulgario kaj Rumanio; el okcidento precipe mankis Francio, kie oni havas multajn spertojn ĉi-kampe. Aliflanke la ne antaŭvidita amasa partopreno (pli ol 50 personoj) krevigis la kadron de seminario. Tamen ŝajnas, ke granda plimulto de l' partoprenintoj revojaĝis sufiĉe kontenta, nelaste pro la alta nivelo de la seminario.

### Averto pri ĵurnalistoj

La unuan tagon, sub la temo *Rilatoj kun gazetaro* gvidis Stefan Maul, kiu en sia enkonduka prezento avertis precipe, ke esperantistoj devas konscii pri manko de intereso pri Esperanto kaj ĉe ĵurnalistoj kaj ĉe la publiko. Dua averto estis, ke laŭ ĉiuj studoj pri la akceptemo de legantoj (kaj aŭskultantoj de radio kaj televido) oni scias, ke oni ne povas konvinki iun ajn per argumentoj; oni nur povas fortigi ies jamajn konvinkojn.
Pro tio Maul konsilis, en informada aktivado konscii pri limigita celo: veki kaj vivteni la intereson de l' simpatiantoj de Esperanto, kaj el propra sperto Maul atentigis, ke simpatiantoj estas ofte konsiderinde pli multaj, ol oni ĝenerale supozas. Surbaze de tiuj konsideroj, Maul donis praktikajn konsilojn kaj sugestojn, kiel organizi rilatojn kun gazetaro precipe sur loka nivelo. Li atentigis tamen, ke pro la granda diverseco de gazetoj ĝenerale kaj en diversaj landoj aparte oni ne povas doni iun ĝenerale validan recepton, sed ke oni devas analizi la specialan situacion kaj konsekvence agadi.

### Plej diversaj spertoj

La inviton diskuti la problemon kaj raporti pri propraj spertoj sekvis tre multaj partoprenantoj, tiel ke estiĝis tre vigla diskutado. Efektive por ĉiuj tiu ĉi interŝanĝo de spertoj montriĝis tiom interesa kaj grava, ke oni decidis ne dividi - kiel planite - la partoprenantojn en laborgrupojn, sed daŭrigis diskutadi en la pleno ĝis la fino de la tago. Aperis tiom da plej diversaj spertoj kaj facetoj de la temo, ke Maul devis konfesi ĉe la fino, ke ia fidinda konkludo aŭ konkreta resumo ne eblas. Sed kaj li kaj multaj gekolegoj konsentis pri tio, ke estis ege valora tiu ĉi unuafoja interkonatiĝo kaj por la okcidentaj kaj por la orientaj aktivuloj.
La duan tagon gvidis - en du grupoj, kiujn poste oni interŝanĝis - Ivo Durwael, estrarano de UEA respondeca pri la Informa Fako, kaj Stefan MacGill, prezidanto de ILEI (instruista fakasocio) kaj iama direktoro de CO de UEA.
La ĝenerala temo estis *Rilatoj kun la publiko*. MacGill amuzis la partoprenantojn per la tasko, organizi publikan informadon pri planata Esperanto-Kongreso en la fantazia lando *Mezeŭrio*, kiu kunigu okcidentan kaj orientan Eŭropon. En tri komitatoj oni konkuris trovi la plej bonajn ideojn kaj la vojojn al realigo (ekz. ankaŭ havigo de financaj rimedoj - el kio rezultis en unu grupo la brila ideo prirabi la centran bankon de Eŭrazio...) Serioze tamen oni traktis la aferon, kvankam montriĝis ke por tiom ampleksa tasko ne sufiĉis la tempo. Spite al tio ekestis pluraj interesaj kaj taŭgaj ideoj.

### Problemo de celgrupoj

Durwael provis analizi la celgrupojn kaj trovi la adekvatajn rimedojn de informado al la publiko. Tiun temon forte influis la unua tago, kiam en la diskutado montriĝis, kiom grava estas la mesaĝo, kiun oni volas transdoni, kaj kiom grave estas, kiel fari tion por ne mistrafi kaj la celon kaj la celgrupojn. Ĉe la fino Durwael povis listigi plurajn praktikajn eblojn.
Rainer Heckhausen, estrarano de Germana Esperanto-Asocio (GEA), prezentis nun ellaboratan koncepton, kiel per rimedoj de *socia enmerkatigo* oni povus *vendi la produkton Esperanto*. Por tre multaj ĉi tiuj metodoj estis absolute novaj, sed ĝenerale oni agnoskis, ke sendube oni povas lerni el tia strategio.

### Orient-eŭropaj problemoj

Lunde oni daŭrigis en laborgrupoj. Ekz. oni sisteme raportis el la ekssocialismaj landoj pri la nunaj respektivaj situacioj, en kiuj post la ŝanĝoj troviĝas la Esperanto-movadoj. Montriĝis, ke tiuj situacioj diferencas konsiderinde, tiel ke ankaŭ tiurilate oni ne povas doni ĝeneralajn konsilojn. Durwael prezentis kelkajn konsiderojn pri strategio de informado, emfazante i. a. la gravan rolon de persona feliĉo: oni devas montri al la homoj, ke per Esperan-

to ili povas akiri tian personan feliĉon.

**Konkludoj**

Entute - tion montris la fina kritika diskutado - la partoprenantoj konkludis, ke la seminario spite al kelkaj negativaj faktoroj (ekz. tro multaj partoprenantoj) alportis grandan utilon por tre multaj. Eĉ se oni ne havas konkretajn rezultojn, el kiu povus estiĝi iu konsilaro, ĉiuj profitis iamaniere el tiu ĉi kunveno. La Informa Fako intencas aperigi raporton pri ĝi, tiel ke eble ankaŭ nepartoprenintoj povos ĉerpi valorajn instigojn.

Cetere krom TEĴA-prezidanto Maul partoprenis estrarano Lech Kosieniak kaj pluraj membroj de TEĴA. Kiam ĉe la fino de l' seminario en Poprad oni diskutis la demandon, ĉu aranĝi pliajn tiajn seminariojn, ĝenerale la proponoj estis, fari tion en regionaj kunvenoj kaj kun pli konkretaj temoj. En tio TEĴA, laŭ la deklaro de ties prezidanto, intencos aktive kunagadi, kiam la asocio havos pli firman bazon.
sm

ESPERANTO EN RADIO

# Merkato difinas servojn

**Gravaj ŝanĝoj ĉe Svisa Radio Internacia**

**Radioprogramoj en Esperanto grandparte dependas de la eĥo, kiun ili trovas inter la esperantistoj - sed ne nur, kiel montras la svisa ekzemplo*.**

Lastatempe diversaj onidiroj pri la malapero de Esperanto el la programo de Svisa Radio Internacia (SRI, Berno) maltranviligis ne nur la esperanto-produktistojn, sed ankaŭ multajn klientojn, t.e. geaŭdantojn de tiu radiostacio. Nun ni scias: Esperanto ja malaperos de la kurtondoj, sed estas antaŭvidite konservi ĝin kiel 'produkto-lingvo' de SRI, se tamen en alia - eble eĉ pli alloga - formo. Necesas iom rakonti la historion kaj la aktualan fonon de ĉio tio.

La Esperanto-disaŭdigoj de Svisa Radio Internacia komenciĝis vintre de 1946/47. Tiam Edmond Privat (1889-1962), mem kunfondinto de Radio Ĝenevo, ricevis la komision ekprodukti elsendojn en la Internacia Lingvo. Tre bonvena por la nova SRI-radioeksperimento montriĝis ankaŭ la 32a Universala Kongreso de Esperanto, kiu en 1947 okazis en Berno. Produkti ĉiutagan kongresraporton estis petita de d-ro Arthur Baur, tiam profesia ĵurnalisto. La reagoj al tiu provo estis tiom kuraĝigaj, tiel ke A. Baur ricevis la taskon, ekde oktobro 1947 apud E. Privat redakti duan disaŭdigon en la tempodaŭro de po kvin minutoj. Ekde tiam Esperanto disaŭdiĝas regule ĝis hodiaŭ (kun escepto en 1964/65, kiam la direkcio de SRI anoncis ŝparpremon). Post la morto de E. Privat en 1962 liaj elsendoj estis transprenitaj de Claude Gacond (*1931), kiu kune kun sia edzino Andrée prizorgis la ĵaŭdajn elsendojn, dum A. Baur, apogita de sia edzino Heidi, daŭrigis la lundan programon. En 1986 aliĝis al la duopo aŭ pli ĝuste kvaropo Andy Künzli (*1962), kiu pretigis pli kaj pli da disaŭdigoj (sabataj) kun plej diversa enhavo, lastatempe precipe svisa. La ĉilasta fine de 1991 estis nomita posteulo de A. Baur, kiu meritoplene ĉesigis sian longan funkciadon ĉe SRI.

Ankaŭ ĉe SRI oni opinias, ke tradicio estas bona, sed oni ne forgesu, ke la tempoj vere ŝanĝiĝis kaj alportis novajn progresojn, novajn rimedojn, novajn konvinkojn, novan 'filozofion'. Sub tiu moto la direktoro de SRI klarigis al la esperantistoj la konsekvencojn por la Esperanto-programo. Ili konsistas el jenaj ĉefaj momentoj: SRI, kiel multaj aliaj entreprenoj en Svislando, devas draste limigi sian buĝeton (la svisa ŝtato forstrekas 20% de la subvencioj); SRI devas pravigi sian ekzistadon vidalvide de la svisa registaro, kiu duone financas la radiostacion (la alian duonon portas la privata Svisa Radio- kaj Televidosocio); la radiostacio estas teknike tro malforta kaj disponas pri malbona substrukturo de disaŭdigo); la rolo de SRI ŝanĝiĝas en ŝanĝiĝanta mondo; aperas novaj disaŭdigosistemoj: la kurtondon pli kaj pli anstataŭas la mezondo, la ultrakurtondo kaj precipe la satelitoj (ekz. ASTRA-sistemo). Do, se SRI volas postvivi kaj ne suferi la saman sorton kiel ekzemple Belga Radio Internacia, kiu entute malaperis, aŭ de Kanada Radio Internacia kaj Sveda Radio Internacia, kies servoj reduktiĝis je 50% kaj je 30%, la responsuloj de SRI estas devigataj draste ŝanĝi la tutan koncepton.

**Prioritatoj**

Tiel, la restrukturigo montras jenajn prioritatojn: la plej grava tasko de SRI estu estonte servi la svisojn vivantajn en eksterlando. Laŭkonstitucie ilia patrujo devas atingi ilin ankaŭ per radioondoj. En la dua vico sekvas la tasko 'renomigi Svislandon en eksterlando'. Kaj kiel trian taskon SRI antaŭvidus la 'dialogon kun eksterlando'. Alivorte: SRI ne havos tiom da rimedoj kaj eblecoj, kaj krom tio ĝi dependos de la svisa politiko

mem. Se la svisoj decidos malfermi la landon al Eŭropo kaj al la mondo, tiukaze SRI eble ludos pli gravan rolon. Se ili decidos inverse, tiukaze SRI restos neglektindaĵo.

**„Diversiga sektoro"**

Por la lingvopolitiko de SRI, kiu ĝis nun elsendis en la germana, franca, itala, retoromanĉa (la kvar lingvoj de Svislando), angla, hispana, portugala, araba kaj en Esperanto, la nova vento signifas: konforme al la graveco de tiuj lingvoj en la mondo kaj reage al la 'novaj merkatokondiĉoj', la angla kaj la franca lingvoj ekhavu la absolutan prioritaton. Poste sekvas la naciaj lingvoj de Svislando, kiuj devas esti konservataj pro kompreneblaj kialoj (tamen la retoromanĉa alportas certajn dubojn). Triavice, la hispana kaj araba programo daŭre ludu gravan rolon pro la signifo de hispanlingvaj kaj arabaj landoj en la mondo. La oka lingvo de SRI, la portugala, ŝajne perdis sian allogon en portugallingvaj regionoj kaj malaperu de la kurtondoj. Kaj Esperanto? Ĝi ja ne perdis sian aktualecon kaj allogon, eĉ tute male ĉe la esperantistaro, sed ankaŭ malaperu de la kurtondoj kaj estu pelita en la t.n. 'diversigan sektoron', kiel la SRI-planistoj nomas tiun kategorion de programoj. Tiu ĉi sektoro antaŭvidas la produktadon de laŭbezonaj radioprogramoj.

Se ni baziĝas sur la supozo, ke Esperanto estos daŭre uzata de SRI, tiukaze mi opinias, ke ĝin savis tri ĉefaj faktoroj (oni povas kvereli pri la sinsekvo): a) la konscio de la direktoro de SRI pri la signifo de la Lingvo Internacia (kiel Lingua Franca neŭtrala) kaj la bonvolo de SRI konservi tiun "belan, kulturan ekskluzivecon" (laŭ direktoro R. Oppenheim); b) la fidelaj geaŭdantoj kaj respondantoj (3% de la tuta SRI-korespondaĵo koncernas Esperanton. Kompare kun la aliaj lingvoj de SRI, kiuj ĝis nun povis pretendi multe pli ampleksan disaŭdigotempon ol Esperanto, tiu ĉi cifero estas tre alta); c) la kompetenteco de la Esperanto-produktistoj (Oppenheim: "ili vere disponas pri la 'know how'") kaj de la enhavo de iliaj elsendoj (kiu cetere tute konformas al la komisio donita de la svisa registaro). Tion krome helpis certe ankaŭ detala 'defenda' raporto de C. Gacond kaj A. Künzli, kiu trafe pravigis la ĝisnunan ekzistadon de la Esperanto-programo kaj la neceson daŭrigi la disaŭdigojn.

**Kio restos de Esperanto?**

Kio do restos de Esperanto? La SRI-planistoj kaj la Esperanto-redaktoroj estas kune ellaborantaj novan koncepton, kies ĉefajn trajtojn eblas priskribi jene: la Esperanto-produktoj, kiuj cetere enhave ne tro ŝanĝiĝu (devos okazi vera koncentriĝo sur svisaj temoj), estonte pli celtrafe ol ĝis nun direktiĝu al la publiko, kiu deziras aŭdi koncernan programon. Alparolataj estas a) unuopuloj kaj Esperanto-grupoj. Ili havos la eblon akiri kasedon (laŭ kostokovra maniero, eble en formo de abono) kun monata programo; b) La Esperanto-produktoj estu perataj al aliaj radiostacioj, kiuj disaŭdigas en la Internacia Lingvo (ekzistas dekduo da ili) aŭ al regionaj (privataj) radiostacioj, kiuj pretus transpreni kompletajn Esperanto-programojn aŭ partojn de ili. Tiel, la esperantistoj ricevus la eblon aŭdi nin tra siaj lokaj radiostacioj. La SRI-planistoj jam informis, ke aro da tiaj radiostacioj anoncis sian intereson kunlabori kun SRI.

Certe, la perdo de la svisa kurtondo por Esperanto estas bedaŭrinda novaĵo. Samtempe mi kredas ankaŭ, ke la nova koncepto, kiu donos pli fortan pezon al la kasedoservo, malfermos ankaŭ novajn eblojn kaj vastigos la Esperanto-publikon, kiu ŝatus posedi konserveblajn sondokumentojn prezentindajn ankaŭ en Esperanto-societoj.

Mi esperas, ke ni trovos solvon akcepteblan por la Esperanto-publiko. Tio ankaŭ dependos de la intereso flanke de ĝi. Se la reagoj kaj mendoj montriĝos tro magraj, tiukaze malaperos verŝajne ankaŭ la lasta espero konservi Esperanton ĉe SRI. Pliajn komunikojn kaj la konkretan oferton de SRI ni publikigos en la Esperanto-gazetaro. Interesatoj regule ricevi kasedon jam skribu al: Svisa Radio Internacia, Esperanto-fako, CH-3000 Bern 15, Svislando. Ni antaŭĝojas ricevi viajn komentojn, sugestojn kaj eble ankaŭ mendojn.

Andy E. KÜNZLI (Svislando)

***Tiu ĉi artikolo originale estas verkita por *esperanto* de UEA.**

# Bonvolu respondi

**Mi serĉas respondojn de kiel eble plej multaj kontribuantoj al esperanta gazetaro - ĉefe al MONATO - pri simpla (?) demando: Kial vi verkas esperantlingve por E-revu(ar)o?**

**Respondantoj bonvole listigu aŭ simple mallonge notu la kialojn. Mi intencas, se riceviĝas sufiĉe da reagoj, verki pli malpli fakan artikolon/eseon pri tiu temo.**
**Krome helpus al mi, se aldoniĝus persona kontribuanto-**

„profilo" - sekso, aĝo, nacia lingvo, kiam vi esperantistiĝis, ĉu vi estas nacilingva kontribuanto al enlanda(j) gazeto(j); kompreneble anonimeco estos respektata.
Bonvenaj estos ĉiaj kromaj rimarkoj, ekz. pri lingvo, stilo k. s. kaj pri la problemoj (kaj plezuroj) de tia Esperanto-verkado.
Respondojn bv. sendi al Paŭlo Gubbins, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, CW12 3JH, Britio.
Anticipe koran dankon!

REDAKTADO

## La elektema araneo

**Intervjuo kun *István Ertl*, la nova redaktoro de *esperanto*, organo de Universala Esperanto-Asocio (UEA):**

Demando: *Alia redaktoro - ĉu ankaŭ komplete alia revuo?*
ERTL: Tio ne eblas - do la sama revuo.
Demando: *Ĉu vi ne havas aliajn ideojn, novajn prioritatojn?*
ERTL: Nova redaktoro unue pli bone konatiĝu kun la organizo, kies revuon li redaktas, kaj kiun organizon li antaŭe ne povis aŭ ne pensis necesa pli bone koni, kaj post tiu konatiĝo povos ekesti pli konstruitaj konceptoj. Ankaŭ la antaŭa redaktoro faris sufiĉe simile: rerigardante liajn jarkolektojn mi rimarkis ke ankaŭ Mark Fettes komencis fari iomete pli grandajn ŝanĝojn nur, kiam li konatiĝis kun la afero.
Demando: *Vi havas spertojn kiel redaktoro de pluraj revuoj, laste de Kontakto. Kiun rolon vi atribuas al* esperanto *kompare al la diversaj aliaj revuoj, ekz.* Heroldo de Esperanto *kaj ĝenerale movadaj gazetoj?*
ERTL: Eble ne estas troigo aserti, ke *esperanto* estas iusence *la* revuo, kiu informas, orientas potenciale ĉiun esperantiston, ofte eĉ nemembrojn de UEA. Krome, malkiel ĉiuj aliaj revuoj, eĉ Heroldo de Esperanto, *esperanto* estas la revuo, kiu devas enhavi ĉiujn aspektojn de la movado, almenaŭ laŭ la taskodifino. Do ne estas io ajn, kion ĝi rajtus konscie neglekti. Tial do ankaŭ io, kio tute ne interesas min persone, kompreneble devas enesti, ĉar ĝi povas interesi iun. Se fari personan komparon pri la taskoj, redaktante Kontakton aŭ Internacian Pedagogian Revuon kaj eĉ la kulturan revueton Opus Nigrum, mi spertis ion tute alian. Ekzemple Kontakto estis revuo laŭtema, do la tasko estis organizi materialon dum sufiĉe mallonga tempo, kiun oni poste redaktas. IPR estis iom simila en la senco, ke venis informoj, kiujn mi devis kunordigi en iun ekvilibran tuton. Sed estis multe malpli da informoj, la revuo devis multe malpli ofte aperi, do la eco de la laboro estis tute alia ol nun. Nun mi sentas min iomete kiel araneo, kiu sidas kaj tute ne devas atendi la muŝojn, ĉar la muŝoj venas tiom amase - mi devas nur elekti la muŝojn, kiujn mi manĝos, kaj tiujn muŝojn mi enmetas en la revuan ventron.
Demando: *Ĉu vi volas mobilizi, en la novaj cirkonstancoj, novajn fortojn por la revuo en orienta Eŭropo?*
ERTL: Mi ja konas sufiĉe multajn kolegojn, pri kies kapabloj mi estas certa, kaj kiujn mi volas konvinki, ke ili regule kunlaboru. Nu, la konstanta danĝero estas, ke nova redaktoro alportus kvazaŭ iun novan klikon, sed tion bone kontraŭbalancas, ke al revuo *esperanto* spontane alvenas tiom da kontribuoj, ke ankaŭ el ili mi ĉiam povas ĉerpi. Ankaŭ tio estas unika situacio, kiun mi antaŭe ne spertis: mi eĉ ne devus serĉi materialon, mi povus nur tiun mastrumi, kiun mi aŭtomate havas.
*Multan dankon pro la intervjuo kaj multan sukceson!*
sm

---

**POLA RADIO**
De la 1a de februaro 1992 Pola Radio - Varsovio disaŭdigas en Esperanto du elsendojn ĉiutage:
14.30 h: 31,50; 41,18; 41,99; 48,90; 49,22; 200 m (= 9525; 7285; 7145; 6135; 6095; 1503 kHz)
21.30 h: 41,18; 41,99; 48,90; 49,22; 200 m (= 7285; 7145; 6135; 6095; 1503 kHz)
(Horoj laŭ universala tempo)

BRITIO

## Komunikilo... kaj malkomikemuloj

**La anglalingva ĵurnalo *La Eŭropano* (The European) almenaŭ provizore saviĝis, post financa krizo okazinta de subita kaj ankoraŭ ne tute kontentige klarigita morto de ties fondinto, la milionulo Robert Maxwell [Maksŭel].**

La ĵurnalo aĉetiĝis de du nekonataj, preskaŭ ermitaj fratoj, Davido kaj Frederiko Barclay [Bakli], kiuj forkuras de ĉia ajn publico laŭmezure, ke Maxwell kutimis ĝin postkuri.
Ĉu la fratoj povos rendementigi la ĵurnalon, ŝirmatan de Maxwell kiel amatan ĉevaleton, ankoraŭ videndas: la ĵurnalo implikiĝis en deficito-peza, tutmonda Mawell-imperio, kiu antaŭ la morto - eble sinmortigo - de Maxwell tiom febliĝis, ke la milionulo kaj familianoj - laŭakuze - fripone ĝiris grandajn monsumojn el dungitara pensio-konto al alia, privata konto cele al stabiligo de siaj jam ŝanceliĝantaj komercaj interesoj.
Sendube aliiĝos *La Eŭropano*, plej verŝajne laŭ t. n. 3-3-3-programo anoncita de parolisto gazetara de la kaŝemaj Barclay-fratoj: tiel estos okazintaj ŝanĝetoj post tri semajnoj, ŝanĝoj post tri monatoj, kaj ŝanĝegoj post tri jaroj. Ĝuste pri kiaj ŝanĝoj temos, silentas kaj parolisto kaj fratoj. Kia ironio: malkomunikemuloj posedantaj amas-komunikilon...
Paŭlo GUBBINS

UNESKO

## Reviziinda

**En 1976 Unesko akceptis dokumenton kun la titolo Nova Monda Informada kaj Komunikada Ordo (NMIK). Nun Unesko revizias ĝin.**

Ĝenerala direktoro de Unesko, Frederico Mayor, meze de februaro diris en Bolivio, ke NMIK estas „nedemokratia"; libera merkato bezonas liberan inform-fluon. Mayor diris, ke

ekde sia enoficiĝo li entreprenis ĉion, por ke Unesko ellaboru novan inform-koncepton.
Unu el la ĉiam kritikitaj eroj de NMIK estas, ke ĝi pledas por instalado de registaraj inform-agentejoj en triamondaj landoj. Celo estis laŭ la intenco de l' programo, rompi la monopolon de internaciaj okcidentaj (precipe usonaj) inform-agentejoj. Fari tion per ŝtataj inform-agentejoj, estis precipe postulo de la tiel nomitaj socialismaj landoj, aparte Sovetunio, kiu tiutempe havis grandan influon en multaj ŝtatoj de l' tria mondo.
Pri tio Mayor nun diris: oni ne povas tiamaniere atingi „ekvilibron" en inform-fluoj, ĉar la gazetara libereco devas validi sen limigoj.
Kiel novan danĝeron li, cetere, denuncis la kreskantan influon de satelitaj televid-programoj en evolulandoj.
sm

TELEVIZIO

## Eŭropa plurlingva inform-kanalo

**Responde al la sukceso de l' usona inform-televido CNN, kiu dum la golfa milito havis preskaŭ monopolon, ekde 1993 elsendos eŭropa inform-kanalo Euronews.**

Sidejo de la nova televid-stacio estos la franca urbo Lyon; alternativo - se la planoj ne realigeblus en Liono - estus la hispana Valencio. Tion ĵus decidis Unio de Eŭropaj Radiofonioj (UER), kiu evoluigis la projekton. Oni planas elsendi surbaze de kontribuaĵoj de l' UER-membroj paralele en la kvin lingvoj angla, franca, hispana, itala kaj germana informojn, komence dum naŭ horoj tage, poste tutdiurne.
La bezonon por krei tian inform-kanalon UER ekkonis dum la golfa milito, kiam usona inform-stacio Cable News Network (CNN) superis ĉiujn eŭropajn televid-staciojn per rapideco kaj aktualeco. Euronews estos ricevebla helpe de satelitoj.
sm

ALVOKO

## Helpu al gazetara servo dum UK

**Ĉiujare la UK estas unu el la plej efikaj atentokaptiloj por la amaskomunikiloj. Tamen kutime temas nur pri tiuj de la kongresa lando: malmultaj alilandaj ĵurnalistoj vizitas la kongreson, kaj ankaŭ la internaciaj novaĵ-agentejoj apenaŭ raportas pri la evento.**

Tiun situacion povas iom plibonigi la anoj de TEĴA. Svarmas interesaj okazoj dum la kongreso, kiujn talenta ĵurnalisto povas uzi por verki artikolon aŭ artikolserion en sia nacia lingvo. Iom da antaŭpreparo ebligus eĉ telefaksi tiajn artikolojn reen al la hejmlando, laŭ interkonsento kun difinita gazeto, por aperi dum la kongresa semajno mem.
Mark Fettes, la kunordiganto de la Internacia Gazetara Servo dum la 77a UK en Vieno, invitas la anojn de TEĴA anonci sian intereson pere de UEA (Informa Fako), Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.
Kompreneble, oni povas aranĝi tian agadon ankaŭ tute memstare, sed UEA pretas disponigi kelkajn servojn al tiuj, kiuj volas kunlabori pri maksimuma informa utiligo de la UK.

ĴURNAL-SUKCESIGO

## Kiam acidiĝas bonaj novaĵoj

**De ĵurnalista vidpunkto la jaro 1991 elstaris: sinsekvo da pintaj raportindaĵoj, inkluzive de Golf-milito, sovetia puĉo kaj Gorbaĉov-eksiĝo, mortigo de Raĵiv Gandi, interna milito en Jugoslavio, kaptito-liberigo en Mezoriento ktp. ktp.**

Bona recepto por ĵurnalo-vendado - sed eble nur teorie, ĉar evidentiĝas, almenaŭ en Britio, ke malgraŭ tia suka novaĵo-dieto falas ĵurnal-aĉetado. Ekzemple, inter februaro kaj junio 1990 vendiĝis 15,2 milionoj da ĵurnaloj; dum sama periodo en 1991 nur 14,5. En lasta jarduono de 1991 falis tiu ĉi cifero je pliaj 100000. Plej forte trafitaj estis amase legataj, bulvardaj gazetoj; aliflanke, la t. n. *kvalitaj* gazetoj ne tiom draste suferis. Nur du kvalitaj dimanĉo-gazetoj iomete altigis sian vendo-procentaĵon - plej verŝajne tamen pro fiasko de konkurinta publikaĵo.

**Kial legantoj rezignas?**

Leviĝas demando, kial dum tia novaĵo-bunta jaro legantoj rezignis pri siaj gazetoj. Povas esti, ke lama ekonomio, kune kun kreskanta senlaboreco, malpezigas la poŝojn de aĉetantoj. Tamen, laŭ lastatempa opini-sondo montriĝis, ke por informi sin pri aktualaĵoj nur 40,7 % de britoj dependas de ĵurnaloj, kompare kun 45,5 % en 1985. Plue, plene 70 % de demanditoj preferas televidon kiel informilon.
Alivorte: britoj iom post iom sin turnas for de presita al aŭdata, iasence vidata vorto ... kaj gazetaro-baronoj kaj redaktoroj rompas al si la kapon pri kontentigo kaj reteno de restantaj legantoj. La ĉefa demando: se ĵurnaloj ne vendiĝas surbaze de novaĵoj, do surbaze de kio?
Paŭlo GUBBINS

CENZURO

## Celtrafeco

**Kiu ne memoras la impresajn televid-filmojn dum la golfa milito, kiam la spektantoj povis vidi i. a., kiel precize misiloj trafis siajn celojn en Bagdado?**

Okcidentaj, antaŭ ĉio usonaj televizioj montris la vere miraklajn filmojn, faritajn de l' usona armeo. El batalaviadiloj la pilotoj filmis la flugon de misiloj, elpafitaj de ili; kaj la elektroniko, la komputilo zorgis pri celtrafeco centprocenta: oni klare vidis la eksplodon en la ĝusta loko. Eble nelaste pro tiaj televidaĵoj tiutempe en opini-sondoj oni eltrovis, ke la homoj pli multe fidis la informojn pri la milito en televido ol en la gazetaro. Kiel konate, dum la milito regis strikta cenzuro de l' usona armeo; nur iom post iom

ekestis duboj pri la vero de l' montritaj filmoj, ĉar ekzemple oni neniam vidis iujn viktimojn, mortigitojn.
Nur longe poste oni rivelis parte, ke la usona armeo (kaj televid-ĵurnalistoj) manipulis tiajn raportojn. Pruvite estas ekzemple, ke fifama filmo, kiu montris naftoŝmiritan birdon ĉe la marbordo de la Persa Golfo, fakte estis arkiva filmo el tute alia loko.
Sed nun oni eksciis eĉ per oficiala raporto el la usona defend-ministerio, ke la precizeco de l' usonaj raketoj kaj misiloj tute ne estis tia, kian oni proklamis kaj volis pruvi per cenzuritaj filmoj. La raporto agnoskas, ke la civilaj strukturoj kaj la popolo mem multe pli suferis per la bombardado ol oni intencis. Kiel ĵurnaloj citas al la raporto, la usona armeo detruis en Irako en giganta grado elektrocentralojn, akvopurigejojn kaj klinikojn, kiujn oni ne volis trafi.
sm

**ESPERANTO-REVUOJ**

# Kialoj de la efemera pululado de periodaĵoj

**Unu el la historie konstateblaj trajtoj de periodaĵoj eldonitaj en Esperantujo estas ilia efemereco.**

Tiu mallonga ekzisto-daŭro estas okulfrape demonstrita en artikolo aperinta en la unua numero de *Periodaĵoj*, la organo de Rondo Takács[1]. Dupaĝa grafikaĵo ilustras la rezulton de statistika superrigardo de periodaĵoj en aŭ pri planlingvoj de 1879 ĝis 1934 kaj inter 1935 - 1990. Cerbskua resumo de la esplorlaboro estas jena unufraza komento:
„Laŭ niaj esploroj la averaĝa vivodaŭro de la Esperanto-periodaĵoj estis 4,5 jaroj. Dum la 101-jara historio de la E-gazetaro en ĉiuj 6 tagoj aperis respektive malaperis unu periodaĵo en aŭ pri Esperanto!" (pĝ. 4).
En tiu numero de *Periodaĵoj*, la redaktoro, Árpád Máthé, ne provis doni iun klarigon pri la mallongedaŭra ekzisto de tiom da bultenoj, gazetoj, revuoj k. s. En tiu ĉi artikolo mi deziras pritrakti aspekton de la demando, kiu baziĝas sur personaj faktoroj.

### Kritiko de la grafikaĵa prezentado en *Periodaĵoj*

Antaŭ ol prezenti motivojn por redaktado kaj eldonado, estas necese klarigi, ke en la tuta historio de Esperanto, kun la escepto de la periodoj de unua kaj dua mondmilitoj, okazis progresiva pululado de periodaĵoj. Tamen, tiu suprenira tendenco, kiun montras la grafikaĵo, estas misgvida. Multaj periodaĵoj ĉesis aperi samtakte kiam novaj estis lanĉitaj, do estus utile montri per alia grafikaĵo la proporcion inter vivantaj kaj ĉesintaj periodaĵoj en ĉiu jaro.
Ankoraŭ unu traktado de la kolektiktaj donitaĵoj, kiu mankas, estas diferencigo inter diversaj specoj de periodaĵoj, ĉar ne ĉiuj estas same gravaj. Ne devas aperi kiel samvaloraj statistikaj unuoj malgrandaj informiloj aŭ bultenoj de lokaj kluboj kaj kulturaj kaj beletraj revuoj kun internacia legantaro.

### De kie venas tiom da redaktoroj?

Estas ofte ŝerce dirite, ke post la unua kurso de Esperanto, pluraj freŝebakitaj esperantistoj havas emon verki poezion en la ĵus lernita lingvo. Aliaj, kiuj ne posedas tiun kreivan talenton, tamen opinias sin kvalifikitaj gvidi kurson, kvankam ili apenaŭ povas esprimi sin en Esperanto sen balbutado. Tria tipo de entuziasmulo fariĝas profunde engaĝita en la movado kaj por konvinki ĉiujn pri siaj vidpunktoj, li opinias necesa la fondon de la propra periodaĵo, kiun li redaktas, kompostas, presas kaj kolportas. Dank' al tiu ĉi agado, la papersvarmo senĉese plagas Esperantujon per efemeraĵoj. Ke la averaĝa vivodaŭro de tiaj periodaĵoj estas nur 4,5 jaroj montras, ke entuziasmo mem ne sufiĉas por garantii sukceson en la formo de fidela abonantaro, kiu kapablas subteni periodaĵon laŭ financa vidpunkto. Sed estas ankaŭ fervoruloj, al kiuj ne gravas la stabileco de iliaj eldonaĵoj. Ili estas denaskaj blufuloj, kiuj daŭre hantas la Esperanto-movadon.

### Du pioniraj trompuloj

Kiel klarigi la agadon de homoj, kiuj *intence* eldonas unu periodaĵon post la alia sen iu ajn sincera deziro fondi stabilan, longedaŭran kaj utilan gazeton aŭ revuon? Du tiaj blufuloj estas konataj de frua periodo en la historio de Esperanto-agado en siaj respektivaj landoj.
Ágoston Marich (1883 - 1955) el Hungario esperantistiĝis en 1901 kaj tuj fariĝis la sekretario de la tiam fondiĝinta unua Esperanto-grupo en Budapeŝto. Oni kritikis la tre ageman Marich pro lia ofta uzo de blufa propaganda maniero. Post la unua mondmilito li fondis sinsekve proksimume dek revuojn kaj gazetojn, el kiuj la plimulto atingis nur unu-du numerojn.
Same agis en sia lando la kataluna esperantisto Joan Amades i Gelats (1890 - 1959). Li fariĝis esperantisto en 1907 kaj fondis kaj prezidis la regionan organizaĵon Kataluna Esperantista Federacio. Lia hobio estis eldoni propagandajn glumarkojn kun diversaj bildoj. Cetere, li ofte publikigis Esperantajn revuojn malsamtitolajn, tute verkitajn de li mem. Ili fakte estis monografioj pri difinitaj temoj, kiuj neniam nombris pli ol tri sinsekvajn numerojn.
Estas evidente, ke la kvazaŭ fantomaj periodaĵoj de Marich kaj Amades i Gelats servis nur por ŝveligi la ciferojn en la artikolo en *Periodaĵoj*. Ĉu la statistikado ne estus prezentinta pli fidindan bildon de la Esperanta gazetaro, se oni estus inkludinta nur tiujn periodaĵojn, kiuj havis minimume unu kompletan jarkolekton?
Mi ne scias, ĉu ankaŭ nuntempe troviĝas blufuloj, kiuj utiligas la saman trompan propagandan trukon de Marich kaj Amades i Gelats por doni impreson, ke la Esperanta gazetaro estas pli ampleksa ol ĝi

vere estas. Jam trafis en miajn manojn kelkaj periodaĵoj, kiuj atingis nur la unuan aŭ duan numeron, sed la kialoj de ilia efemereco estas tute aliaj.

**Kaŭzoj de malapero de periodaĵoj**

Analizo de la kialoj de ĉeso de Esperanto-periodaĵoj indikas, ke ili estas klasifeblaj en du grupojn: eksterajn kaŭzojn kaj internajn. La ekstermovadaj kaŭzoj estas pli facile identigeblaj; temas plej ofte pri politika subpremado de la agado de esperantistoj, kiuj estas senigitaj de la rajto kunveni en grupoj, instrui la lingvon kaj eldoni publikigaĵojn. Ankaŭ kiam ne okazas oficiala malpermeso, agadoj povas esti bremsitaj rezulte de militoj kaj ekonomiaj krizoj.
La grafikaĵo en *Periodaĵoj* montras tiun situacion en la jaroj de la unua kaj dua mondmilitoj. Signifa trajto de malfavoraj ekstermovadaj faktoroj estas ilia limiĝo al la daŭro de la kriza periodo. Kiam poste venas paco, ŝanĝo de reĝimoj kaj ekonomia prospero, povas okazi, ke kelkaj el la ĉesintaj periodaĵoj estas revivigitaj. Tamen, ĉiam estas aliaj, kiuj neniam sukcesas regajni la perditan terenon.

**La internaj kaŭzoj**

Kaŭzoj de fiaskoj de periodaĵoj ene de la Esperanto-movado estas pli diversaj kaj povas havi longedaŭrajn sinsekvojn. Respondecas pri ili kaj la esperantista komunumo kaj redaktoroj kaj eldonantoj. Tiuj eĉ plejparte ne estas riĉaj homoj, kaj nuntempe ili ne povas kalkuli je financa helpo de malavaraj mecenatoj aŭ subvencioj de oficialaj instancoj. Sekve, ili dependas de abonoj por subteni la eldonadon de la periodaĵoj. Tio signifas daŭran strebadon al pligrandigo de la nombro de pagantaj legantoj. Tamen, transpagaj malfacilaĵoj forbaras grandan parton de la potenciala abonantaro. Cetere, estas multaj esperantistoj, kiuj, havantaj monrimedojn por pagi abonojn, ne faras tion jen pro apatio, jen kun la preteksto, ke mankas al ili tempo legi.
Ĉi-rilate prezentiĝas alia problemo: kiom da periodaĵoj kapablas aboni ordinara esperantisto? Se estas tro da periodaĵoj en unu tempo sur la merkato de Esperantujo, ili devas konkurenci por kapti abonantojn. Sekve, ĉiu redakcio akiras nur parton de la totala potenciala abonantaro de sia periodaĵo. En tiaj cirkonstancoj, ne ĉiuj periodaĵoj sukcesos supervivi.

**Merkat-analizo**

Ofte karakterizas la abonon de redaktoroj kaj eldonantoj la samspeca diletantismo, kiu troviĝas en pluraj aliaj agadoj en la historio de la Esperantomovado. Estiĝas jena demando: kiom da homoj, antaŭ ol lanĉi novan periodaĵon, faras merkat-analizon por ekscii, ĉu la gazeto aŭ revuo plenumos utilan funkcion kaj pro tio estos favore akceptita de la publiko? Eĉ se la esploro de la merkato estas kuraĝiga, tio ne certigos, ke la nova periodaĵo tuj fariĝos sukcesa laŭ financa vidpunkto. Dum iom da tempo post lanĉo, redaktoro devas posedi monrimedojn el fonto sendepende de abonoj. Eble la minimuma tempo estu unu jaro. Entuziasmo kaj fervoro ne estas anstataŭaĵoj.

**La fiasko de *La Mano***

Ekzemplon de mispaŝo pro neglekto de la starigo de firma bazo por eldoni periodaĵon prezentas la tre mallonga vivhistorio de LA MANO, kultura revuo de Hungara Esperantista Junulara Societo. En la sola numero, kiu aperis (1/1988), la redaktoro, Jorge Camacho, klarigas, ke LA MANO „celas esti kultura revuo, ĉefe por junaj hispaniaj esperantistoj, kiuj ne kutimas legi alilandajn periodaĵojn (ĉu pro mono? ĉu pro nescio, apatio, ignoro?)." (pĝ. 2).
Ŝajnas, ke en tiu ĉi kazo la redaktoro ne faris la bezonatan merkat-analizon por objektive ekscii, kial junaj esperantistoj en Hispanio ne kutime legas alilandajn periodaĵojn. (Ĉu ili legas eĉ enlandajn?!) Camacho nur *konjektis* pri la kialoj. Ja povas esti, ke pro la samaj kialoj ili ne legos LA MANO. La redaktoro finis sian enkondukon per jenaj vortoj: „Espereble ni renkontiĝos en la dua numero." Li naive montris sin tro optimisma. La dua numero neniam aperis.[2]
Kiom da aliaj efemeraj periodaĵoj en Esperantujo ĉesis aperi pro la sama kialo?

**Mise trafita celo de hungarlingva poresperanta periodaĵo**

Ne ĉiuj sentaŭgaj periodaĵoj ĉesas same rapide kiel LA MANO. Jen ekzemplo de magazino, kiu dum 14 jaroj agoniis, ĝis ĝi fine malaperis en la abismon de forgeso.
Multe pli riskoplena ol eldono de nova periodaĵo en Esperanto estas lanĉo de nacilingva revuo aŭ gazeto, celanta la neesperantistan publikon[3]. Tamen, pro la kronika stagnado de la landa movado, Hungara Esperanto-Asocio (HEA) decidis provi „vendi" Esperanton al la „intelekta publiko" en Hungario. Tiucele aperis en 1972 *Eszperantó Magazin*, dumonata, tipografie altkvalita, ilustrita magazino en formato A4, kun enhavo plejparte en la hungara lingvo. Ĝi estis ne nur abonebla sed ankaŭ aĉetebla ĉe surstrataj gazet-kioskoj.
Unu jaron post la lanĉo de *Eszperantó Magazin* venis konfeso de la redakcio, ke la publiko ankoraŭ ne akceptis ĝin kun la atendata entuziasmo. Opiniante, ke la vorto *Eszperantó* en la titolo havas negativan efikon kaj forpuŝas homojn, HEA ŝanĝis la nomon al *Világ és Nyelv* (Mondo kaj Lingvo) kaj ornamis

---

1. *Periodaĵoj* en aŭ pri Esperanto kaj aliaj planlingvoj. 1990 novembro; 1 (1). 4 paĝoj sen numeroj.
2. Bernard GOLDEN. Pli da aludoj kaj konkludoj pri fiaskintaj periodaĵoj. *Boletín* de la Federación Española de Esperanto. 1990 majo, junio, julio; 296: 14-16.
3. Bernard GOLDEN. Ĉu nacilingva priesperanta revuo atingos sian celon? *Svisa Esperanto-Revuo*. 1986 februaro; 2: 9-10.
4. Bernard GOLDEN. Rilate erarajn asertojn pri *Világ és Nyelv*. *Budapeŝta Informilo*. 1977 julio-aŭgusto; 7-8 (81-82): 28-29.
5. Bernard GOLDEN. La naskiĝo kaj morto de *Világ és Nyelv*, hungarlingva poresperanta propagandilo. *L'Esperanto*. 1988 novembro-decembro; 11-12: 17-20. Pli ĝisdatigita versio en: *Debrecena Bulteno*. 1990 junio; 59: 30-34.

la magazinon per kolora kovrilpaĝo. Tiuj trukoj ne helpis, ĉar *Világ és Nyelv* neniel plenumis sian membrovarban celon. Finfine, HEA konkludis en 1987, ke plua eldonado ne estas motivebla (restis nur 300 abonantoj), do ĝi anoncis publikigan „paŭzon", kiu efektive fariĝis definitiva ĉeso. Mi jam antaŭdiris tion en artikolo publikigita en 1977[4], sed la nerealece pensantaj gvidantoj de la hungara Esperanto-movado rifuzis akcepti mian vidpunkton, kun la rezulto, ke estis disipitaj mono, tempo kaj fortoj por eldoni senutilan hungarlingvan propagandilon. Tutsimple ne estis merkato por ĝi.[5]
Bernard GOLDEN

# LINGVO

**PROBLEMOJ**
**DEMANDOJ**
**KONSILOJ**

## POR GAZETARO

**Per Aarne Fritzon skribas pri la vorto *preso*:**

En n-ro 1/92 de IĴ Stefan Maul sub la rubriko *Lingvo* iniciatis diskuton pri tio, ĉu en Esperanto a) la vorto *preso* povu havi la signifon *gazetaro*, kaj b) ĉu la vorto *presilo* povu signifi la aparaton, per kiu komputilo fiksas skribon kaj grafikaĵojn sur papero. Mi ŝatus fari miajn komentojn, ĉar mi mem laboras en grafika entrepreno, kie la ĉiutaga laborlingvo estas Esperanto, kaj kie ni pere de komputiloj produktas originalojn por posta presado, kaj do sentas min sufiĉe koncernata rilate ĉi-kampan terminologion.
Kvankam Stefan Maul traktas la du demandojn aparte, estas evidente, ke la solvo de ambaŭ tute dependas de la senco de la radiko *pres-*. Tial taŭgas unue konsideri la esencon de tiu koncepto. Laŭ mi, la plej karakteriza por ĉio nomebla „presado" povas esti vortumita jene: **Multobligo de grafikaĵo (skribo kaj/aŭ bildoj) pere de unu speciale preparita originalo, kiu per pli-malpli senpera fizika kontakto kun alia surfaco lasas sian kopion sur ĝin.**

Ŝajnas al mi, ke tio kovras ĉion, de Gutenbergo ĝis hodiaŭ. Notinde estas, ke la etimo laŭ sia signifo parencas al konceptoj kiel „premi" kaj „stampi", do ne aludas al ideoj kiel „skribi", „gravuri", aŭ simile.
Do, unue pri *preso/gazetaro*: Uzi la vorton *preso* en la signifo de *gazetaro* estas tute komparebla al la uzo de *„amasmedio"* en la senco *amaskomunikilo* - simpla eraro pro senpripensa paŭsado de naciaj lingvoj. La citita difino de la *Pekoteko* efektive estas peko, ĉar ĝi malprave enkondukas distingon inter „gazetaro" kaj ia pli vasta koncepto „preso", supozeble laŭ distingoj en iuj naciaj lingvoj - tamen la naciaj lingvoj per *Press, Presse* ktp. celas ĝuste la gazetaron, t. e. la jurnalojn, revuojn, periodaĵojn kaj aliajn gazetojn, kaj tute ne inkludas iujn pamfletojn k. s. Same la naciaj lingvoj tute ne uzas tiun radikon por signifi „amaskomunikilojn" ĝenerale - ĝuste tial niaj esperantistaj redaktoroj (almenaŭ la zorgemaj) ja konstante trovas sin forsarkantaj la enŝteliĝantan *„amasmedioj"*. Notu ankaŭ, ke plejparto el la koncernaj naciaj lingvoj zorge distingas inter gazetaro kaj presado: A. *press/print*, G. *Presse/drucken* ktp. Interese estas kompari kun la finna, ĉar ĝi per ne-hindeŭropa lingvomaterialo aplikas ĝenerale okcidentan semantikon (kaj pri tio ja temas, se oni volus uzi *preso* en la priparolata senco): Nu, la ekzakta finna ekvivalento de ekz. la sveda *pressen* estas *lehdistö*, kiu siavice laŭmorfeme tradukiĝas al Esperanto kiel - „gazetaro"...
Cetere, Stefan Maul faras seriozan eraron en sia rezonado, kiu povus fariĝi tre danĝera por la evoluo de Esperanto, se oni aplikus ĝin ĝenerale. Li diras jene: „La formon *preso* oni apenaŭ uzas en la origina senco, sed parolas pri *presado, presisto, presmaŝino, presilo* k. s. Do *preso* en la senco de *gazetaro* apenaŭ povas misgvidi iun." Sed diable! La menciitaj derivaĵoj ja ŝuldas siajn sencojn al la „origina" senco de la radiko! Unue uzi radikon por derivi el ĝi amason da vortoj, kaj poste ŝanĝi la signifon de la radiko mem - tio estas kvazaŭ konstrui pluretaĝan domon kaj poste fortransporti la teretaĝon.

Se oni trovas la vorton *gazetaro* tro peza en iuj cirkonstancoj, ja certe eblus elturniĝi, se oni momente liberiĝus de la ĉiama tento sklave paŭsi iujn naciajn lingvojn. Kial ne ekz. „eldirrajtigito" aŭ „publikrilatulo" anstataŭ „gazetara proparolisto"? „Anonc-kunveno" por „gazetar-konferenco"? Ktp...

### Pledo por *printi*

Nun pri *presi/printi*. Se oni konsentas pri mia supra provo limigi la semantikan kampon de *presi*, oni ja facile komprenas, ke la priparolita akcesoraĵo de komputilo neniel estas presilo. (Oni povas nur bedaŭri, ke iuj derivitaj PIV-difinoj fuŝas la sencon de la radiko *pres-*.) La koncernaj aparatoj estas de multaj diversaj specoj: Aŭ ili elskribas tekston kvazaŭ tajpile per pretaj litermodeloj premataj kontraŭ papero, aŭ ili faras tion per aro da nadletoj, kiuj pere de punktetoj formas literojn kaj grafikaĵojn sur la papero (matrica printilo), aŭ la punktetoj estas formitaj de ajutetoj ellasantaj inkon (inkoŝprucaj aŭ bobelaj printiloj), aŭ ili per proceso simila al tiu de fotokopiilo formas bildon de la paĝo per elektre ŝargita farbo sur cilindron, kiu poste per premo kontraŭ papero transmetas la bildon sur ĝin (lasera printilo). El tiuj ĉi procesoj, nur la lasta do per iom da larĝanimeco povas esti konsiderata presado. Sendube la senhalta teknika evoluo en tiu ĉi kampo prezentos ankoraŭ novajn, draste aliajn manierojn efektivigi la samon. Tamen, kvankam tre malsimilaj laŭ siaj metodoj reprodukti la paĝon, ĉiuj ĉi aparatoj havas ion esence kaj karakterize komunan:
**Ili transmetas al papero grafikaĵojn, kiuj antaŭe ekzistis nur kiel abstraktaĵoj en la memoro de komputilo, kaj ili faras tion ne en unu peco, sed laŭ sinsekvaj elektraj komandoj el la komputilo.**

Ĉar tiu ĉi proceso estas io esence alia ol presado (kaj ankaŭ ne esence similas al ekz. tajpado), estas tre konvene, ke ĝi havu propran nomon. *Printi* estas jam uzata kaj krome bonega vorto, ĉar mallonga, klara kaj minimume same fa-

cile memorebla kiel estus la konfuza aro da tute senrilate malsamaj sencoj de *presi*. La citita Renato Corsetti apenaŭ serioze volas deklari, ke neniuj esence novaj teknikoj, estiĝintaj post la forpaso de Zamenhof, rajtu estigi novajn konceptojn en la lingvo. Fakte la konfuza uzo de *presi* en ambaŭ sencoj estus pli stulta anglismo ol estas la adopto de la taŭga radiko *print-* por fari utilan distingon en nia lingvo, kiun la angla ne faras. Almenaŭ en mia laborejo, ni volas klare distingi inter la printita originalo kaj la poste presita dokumento. („Ĉu *La Espero* jam estas presata?") Lasante flanken la ridindan pseŭdosufikson *-atoro*, ni do parolu pri: Gazetaro kaj aliaj presaĵoj presile presataj, ofte laŭ originaloj komputile preparitaj kaj printile (el)printitaj.

## UTILA VORTO

**Mark Fettes skribas pri la sama temo:**

Mi preferas, ke *preso* kaj *presi* restu ĉe la ĝisnuna uzado: la distingo inter *presi* kaj *printi* ŝajnas al mi utila, kaj mi ne sentas la bezonon de *preso* en ĵurnalistara senco.

## MALKOMPRENO

**Canko Murgin ankaŭ traktas la vorton *preso*:**

Via plendo kontraŭ la uzo de la vorto *preso* anstataŭ gazetaro estas tute prava. Mi estinte redaktoro de *Bulgara Esperantisto* (1961 - 63) spertis la saman malkomprenon. Oni malrapide komprenis, ke estas oficiala kaj delonge uzata „gazetaro". Same tiel mi batalis por la vera nomo de Esperanto. Ĝi estas *Lingvo Internacia*, sed ne *Internacia Lingvo*. Sed kaj esperantistoj laikaj kaj redaktoroj (kaj aŭtoroj) ne ŝatas strebi kaj subteni precizecon.

KIE MALJUSTAĴOJ
ESTAS JURO,
TIE REZISTO
ESTAS DEVO.

## PROPONO

**Germain Pirlot havas proponon kaj demandon pri *preso*:**

„Preso/gazetaro"? Temas ja pri tikla problemo. Jen demando: ĉu ne eblus skribi pri *gazetkomuniko, gazetservo, gazetkonferenco*? Kion pensus tiurilate Ĉinoj, Japanoj, Iranoj k. s.?
„Presilo" - ankaŭ grava demando! Persone mi preferas la vortojn *komputilo, printilo*, kiuj, laŭ mi, estas multe pli Esperantaj ol *komputoro* kaj *printatoro*. Vi pravas: PIV bezonus unuecon kaj revizion fare de „monda kompetentularo", kiu kapablas rezonadi internacie. Ŝajnas ke ili tre malmultas.

## NOVA TERMINO

**Roland Rotsaert pri nove bezonata ekonomia termino:**

Antaŭ kelkaj monatoj vi petis tradukon de (germana) Europäischer Wirtschafts-Raum. Mi petis konsilon de s-ro Wiersch, kaj lia propono, ankaŭ subtenata de mi, estas: „Eŭropa Ekonomia Sfero". Antaŭ nelonge mi vidis en dulingva revuo de hispana *Banco Central* por tio „Espacio Económico Europeo" kaj „European Economic Space".

## PERSONE

**Mark FETTES**, redaktoro de la UEA-organo „esperanto" dum la lastaj kvin jaroj, en januaro transdonis sian postenon al alia TEĴA-ano, **István ERTL**. Ĵurnalisto Fettes tamen plu restos, ne nur en Esperantujo (ekde januaro li estas rubrik-redaktoro de MONATO kaj la ĉefredaktoro de nova revuo, *Monda Forumo*), sed ankaŭ kiel profesia verkisto en la angla lingvo. Mem novzelandano, li loĝas ekde aprilo en Ottawa, Kanado, kun sia kanada edzino.

**Evgeni GEORGIEV**, ĝenerala sekretario de TEĴA, kunredaktis la Esperanto-version de la libro *La faŝismo* de nuna bulgara ŝtatprezidanto Jelju JELEV; la libro, verkita jam en 1967, tiutempe ne rajtis aperi en Bulgario, kaj en 1982, kiam finfine ĝi tamen aperis, tuj estis konfiskita. - Georgiev nun instaliĝis kiel korespondanto de diversaj bulgaraj gazetoj en Vieno; lia tiea adreso: Syringgasse 13/22, A-1170 Wien, Aŭstrio (plu validas tamen ankaŭ lia adreso en Sofio).

**Andrzej PETTYN**, estro de la E-redakcio de (nun re-nomita) Pola Radio Varsovio, en cirkulero informas pri la ŝanĝoj kaŭzitaj de ŝparado (pri la novaj elsendohoroj vidu aliloke) kaj petas la redaktorojn de E-gazetoj disponigi al la redakcio ĉiujn numerojn por utiligo en la elsendoj, kio samtempe estos bona informado pri la revuoj mem.

**Ada SIKORSKI-FIGHIERA**, redaktorino de *Heroldo de Esperanto*, aperigis libreton „De tajgo al minaretoj - el la taglibro de 11-jarulino". Temas pri la sorto de poloj deportitaj fare de Sovetunio. Eld. Esperantotour, prezo 5 germ. markoj aŭ 3800 italaj liroj (inkl. de sendkosto mare).

## REVUO DE REVUOJ

*INTERESAJ ARTIKOLOJ EN ESPERANTO-GAZETOJ*

**MONDA FORUMO**
Organo de Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo
Fakte temas pri esperantista Unesko-asocio, fondita dum la UK en Bergen 1991; nun aperis la unua numero de ĝia organo, en formato DIN A 4, kun 16 paĝoj. Krom raportoj pri fondo, celo, projektoj ktp. enestas ekz. artikolo pri la nuna situacio de Unesko kaj artikoloj el neesperantistaj gazetoj, novaĵoj kaj recenzoj. La grafika aranĝo estas plaĉa, eraroj maloftas (unu ĉarma: *Mona* Kunagado). Por aboni la revuon skribu al: Monda Kunagado, Küstriner Str. 3, D-O-1092 Berlin, Germanio.

**SCIENCA REVUO**
organo de Internacia Scienca Asocio Esperantista
En numero 2/91 aperas pluraj

prelegoj faritaj dum la IKU en Bergen kaj aliaj interesaj artikoloj, ekz. pri tertrem-prognozado en mezepoka Ĉinio. - En *Bulteno* oni rezonas pri la problemoj eldoni la revuon kaj i. a. atentigas: „Ĉar unupersona respondeco ĉe redaktado povas enhavi danĝeron, antaŭ ĉio necesas prepari Redakcian Statuton; priskribo nur pri artikoloformato ne estas redakcia statuto, ankaŭ nura nomumo de ĉefredaktoro sen iuj priskriboj de la kompetencoj kaj la respondecoj ne anstataŭas redakcian statuton."

**NOVAĴOJ TAMTAMAS**
organo de Jokahama Esperanto-Rondo
En n-ro 66 de januaro 1992 aperas tre interesa artikolo tradukita el la ĵurnalo *Asahi* sub la titolo „Kion faru japanoj?" Temas pri la problemoj, kiujn la lando havas en rilatoj al la cetera mondo. En la februara numero, dankante pro la bona eĥo al tiu artikolo, redaktoro DOI Hirokaz klarigas i. a., ke antaŭ pli ol dek jaroj Stefan Maul vizitis Japanion kaj klarigis, kial li eldonas Monaton. Doi skribas: „Esperanton li deziras utiligi por komuniki senpere de potencaj usonaj novaĵagentejoj. En nuna mondo regas du, tri agentejoj de Usono, kiuj komunikas novaĵojn laŭ vidpunkto de usonanoj bone aŭ nebone. Lia opinio donis al mi fortan impreson. Kvankam Novaĵoj Tamtamas estas tro eta gazeto, ĝi povas konigi vivon de japanoj, kiun malofte diskonigas potenca agentejo."

**ESPERANTO**
organo de UEA
En la decembra numero de 1991 sur p. 226-227 aperas intervjuo kun *Christian Baudé*, redaktoro de *Laŭte!* kaj eldonanto de libroj. - En la januara numero de 1991 aperas iom nekutima duobla intervjuo, pli ĝuste dialogo inter la antaŭa kaj nuna redaktoroj, *Mark Fettes* kaj *István Ertl*.

**AVANCO**
organo de Kuba Esperanto-Asocio
En n-ro 2/91 redaktoro *Orlando Raola G.* priskribas sub la titolo „Spite la ventojn..." la problemojn de l' Esperanto-movado en Kubo post la disfalo de la komunisma bloko. Li rekomendas, en la nova situacio adapti la labormanieron de la E-movado kaj donas konkretajn ekzemplojn. Spite al la ekonomiaj problemoj li certigas, ke en 1992 aperos la kvar kutimaj numeroj de *Avanco.*







El MONATO 12/91

**MOSKVA GAZETO**
En la unua numero de 1992 aperas paralelaj intervjuoj kun pluraj konataj gvidantoj de l' E-movado pri la jaroj 1970 - 1990 kaj la nunaj perspektivoj en eksa Sovetio.

**ROK-GAZET'**
Aperis 3a numero kun bunta kaj riĉa enhavo sur 28 paĝoj. Sed la eldonantoj plendas pri tro malmultaj abonoj: „La esperantistaro seniluziigis nin pro ĝia apatio kaj malfidemo." Oni anoncas, ke por nepagipovaj landoj abono kostas 13 usonajn dolarojn aŭ 18 internaciajn respond-kuponojn. Adreso: Esperanto-Rok-Asocio, F-31450 Donneville, Francio.

## Kalendaro

**24 - 31 majo 92, Bydgoszcz**
Internacia seminario pri Esperanto-gazetaro; gvidos s-ino Ada Sikorska-Fighiera, red. de *Heroldo de Esperanto*; prezo 200 ndl. guld. Esperantotur, str. M. Sklodowskiej-Curie 10, PL-85-094 Bydgoszcz.